I Jaro. IX Num. 1917 Septembro.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO VICENTE ALONSO

**Majoro de la Vagonara Korpuso.—Vicprezidanto de «Zamenhofa Federacio»**

# ORANĜARBO

Oranĝarbo vivis feliĉa en la Murcia fruktĝardeno, ĉar la terlaboristo detranĉis la nefruktodonajn branĉetojn, sterkis la teron kaj dece kulturis ĝin. Tial, kiam la printempo alvenis, ŝajnis arbo transplantita de la Hesperida ĝardeno aŭ de la Paradiza mem tero per siaj novaj atlasaj folioj, kiuj mirinde kontrastis tiujn velurajn kaj malhelajn de la lasta jaro, per la ruĝaj fruktoj kaj la blankaj ravaj floroj, kiuj estas la plej estiminda ornamo de la fianĉinoj.

La bieno estis cirkaŭita per barilo de akrpintohavaj ferfadenoj, por ŝirmi ĝin kontraŭ la ŝtelistoj kaj la bestoj, kaj kurteno de altaj cipresoj haltigis la sudajn ventojn, por ke ili ne velkigu la foliojn nek defalu la orajn fruktojn.

Sed iam, malgranda insektino, de la sama ordo al kiu apartenas la filoksero, kaj kies vulgara nomo estis tiel naŭza kiel malbela la scienca (1), aliris kaj post promenado sur folio baldaŭ sin fiksis, traborinte la folihaŭton per sia rostro. Poste suĉis kaj suĉis senhalte la sukojn de l'arbo, laŭ faras la hirudoj je la homa sango, sed tiu ĉi lastaj, kiam estas elpleniĝintaj sin apartigas por fari la digestadon, kaj la parazito de la arbo tute ne.

Ĝia korpo kreskis pli kaj pli, sed ne la kruroj, jam neutilaj por la besteto, ĉar ĝi ne forlasos la lokon nek eltiros sian rostron. Samtempe la insektino eligis sekrecion, kiu formis kirason, tre utila kontraŭ la pluvo kaj aliaj malamikoj. Poste demetis multajn ovojn, kiuj baldaŭ fariĝis ankaŭ insektinoj, kaj rapide reproduktinte, kovris la tutan arbon, kaj tiujn de la ĉirkaŭajo.

Ili malbele makulis la fruktojn, kaj la terkulturisto estis devigata klopodi por malaperigi tiun teruran malamikon de la arbo kaj de la homo. Kiom multe da aĵoj li pruvis por ĝin ekstermi! Jen li lavis, jen li pulvumis la arbojn per la plej malbonodoraj kaj malagrablaj fluidaĵoj, kiujn oni povas imagi al si: kaŭstika sapo, petrolo, kreozoto, fiŝoleoj, gudro... Eĉ li uzis, vaporigite, cianhidran acidon, kiu ja sufokis la insektojn, sed ankaŭ ofte la arbon... kaj la homon, kiam li ne dece atentas!

Elspezinte tro multe da mono, la terkulturisto deklaris sian venkon... kaj rezignacie, lasis agi al la saĝa naturo.

Tiam ekalvenis tre malgrandaj insektoj, ĉar ili ne estas pli longaj ol duono da milimetro, bestetoj preskaŭ nekonataj de la scienculoj ĝis la komencoj de la nuna jarcento, kiuj apartenas al la sama ordo en kiu estas klasigitaj la formikoj, la vespoj kaj la saĝaj fabrikistoj de mielo, la laboremaj abeloj.

Tiuj insektoj, are nomataj afelinoj, kun rilate grandaj okuloj, du paroj da flugiloj kaj fortaj makzeloj, kion povas fari kontraŭ la kirasitaj hemipteroj de longa rostro? Tamen, la inoj portas ĉe la fino de ventro fortan borilon, kiu taŭgas ankaŭ por eligi la ovetojn.

Alveninte la afelino, sin lokas sur unu kiraso, kaj trakuras ĝin de la bordo ĝis la centro, atente rigardante ĉu sub tiu ĉi kuŝas viva insekto parazita. Poste jam certigita, rektigas sian borilon, kaj perforte trapasas la vaksaĵon, eltiras la pikilon, gustumas la fluidaĵon, eble por scii ĉu taŭgas por sia idaro; ree unu, du, tri fojojn enmetas la borilon, ĝis kiam, sufiĉe kontenta pri la eltrovo, demetas kelkajn ovojn, jen sur la korpo de la oferoto, jen en ĝian internaĵon (1).

Kiam la larvoj eliras el la ovo, ili ekmanĝas saĝe sian oferaton, por ne forpreni de ĝi iun organon nepre necesa por la vivo; ĉar se la oferato mortus antaŭ difinita tempo, mortus ankaŭ la parazito. Tamen, je la fino ĉio estos manĝita, kaj baldaŭ naskiĝos nov-

(1) Ruĝa pediko; Science, *Chrysomphalus dictyospermi*.

(1) Inter la afelinoj, kiuj parazitas *interne* la ruĝan pedikon estas la *Coccophagus lunulatus*, kaj *sur ĝi* la *Aphelinus chrymsophali*, eltrovita de la fama hispana entomogiisto S-ro. Ricardo García Mercet.

aj insektoj, por daŭrigi sian profitdonan laboron.

Plie, bone estas rememori ke la utila flugilhava insekto, plej ofte nur havas patrinon sed ne patron kaj multaj el ili nur praavon, kaj tiel sukcesas kvar aŭ kvin generacioj! Multobliĝinte tiel rapide la parazito de la ruĝa pediko, la malutila insekto povas esti venkita de la Naturo per la preskaŭ nevidebla amiko de la arbo kaj de la homo.

Oni elkonas kiel granda estas Naturo rigardante la planedojn kaj la stelojn, sed ĝi ne aperas malpli granda kiam oni atentas la atomojn!

*R. Codorníu*



POSTĤOREJO DE LA KATEDRALO

# AVILA

Konsistas ĉi tiu urbo el tri partoj: la unua staras sur monteto, ĉirkaŭata de remparoj, apud la rivero *Adaja*, kaj ankaŭ sur deklivo, de la remparoj ĝis la promenejo *San Antonio;* la dua, sude de la monteto, konsistas el kvartaloj *Santiago*, *San Nicolás* kaj *Vacas;* la tria, norde, el kvartaloj *San Francisco* kaj *San Andrés*. La remparzono ĉirkaŭanta la unuan, tio estas la urbo propre, estas la plej bone konservita konstruaĵo de la mezepoko en Hispanujo, sesangulforma, kun naŭ pordoj, parapeto kronata je surturetoj, kaj masivaj fortikaĵturoj. La pordoj *Rastro* kaj *San Vicente* estas belegaj modeloj de rempararĥitekturo. La remparo rememoras la araban kaj kristanan regadojn. La placoj, placetoj kaj stratoj, kiel de tre antikva urbo, estas malbonaj. La aspekto de la urbo estas

mistika, malgajiga, pro la malklareco de la muroj el granito, kaj ĝiaj mallarĝaj stratoj neregulaj. La urbodomoj antikva kaj nova, la seminario kaj la palaco Polentinos estas rimarkindaj konstruaĵoj. Oni ekstarigis la katedralon, dum regado de la Grafo Fernan González, kaj la reĝo *Alfonso VI.*ª ordonis rekonstrui kaj fini ĝin; ĝi estas vasta konstruaĵo, gotika, kaj ĝia aspekto estas kiel tiu de antikva palacfortikaĵo: la preĝejo konsistas el tri navoj, la centra duoble pli alta ol la aliaj, kun pilastroj el kolonoj kvarope, kaj bizantinaj kapiteloj. La arkoj, kiuj surportas la arkaĵojn, estas orumitaj kaj ornamitaj en la centra navo, kaj tre delikataj en la aliaj du; grandaj fenestroj en la muroj. En la ĥorejo kaj postĥorejo estas rimarkindaj seĝaro kaj skulptaĵoj. Post la grandaltaro, staras arta tombo de la episkopo *Alfonso de Madrigal*. Estas tre rimarkindaj la kapeloj *San Segundo, Vilada, Concepción* kaj *Dolores*. La granda sakristio prezentas eksterordinaran meriton artan. Ĉe la enirejo de la presbiterejo estas du predikejoj el fero ĉizita kaj orumita, unu el ili gotika kaj renesanca la alia, la arta merito de ambaŭ estas rimarkinda. Ekstere, estas tre rimarkinda la absido kvazaŭ fortikaĵo, ronda bastiono kun duobla parapeto. La ĉefa fasado havas du turojn, romanstilaj, sed nur oni finis konstrui unun el ili.

La baziliko *San Vicente* estas alia el plej antikvaj belaj arĥitekturaĵoj de la urbo, ĉar jam staris je la X.ª jarcento, kaj tiam rekonstruis ĝin. Ĝi estas precipe bizantina. Ĝi staras ĉe la ĉefaj elirejoj de la urbo; ĝi estas konstruaĵo tiel majesta kiel bela kaj artriĉa; ĝi kvazaŭ vizio ideala neniam realigita sur la tero, mirigas la artiston. Izolita, inter arboj, sur altaĵeto reganta la deklivon kaj ĝiajn antaŭurbojn, ĝi spiras la puran aeron de la kamparo. Gi estas la preĝejo starigita, por honori la martirojn S. Vicente kaj liajn du fratinojn, sur la loko mem en kiu ili verŝis sian sangon por kaj pro la Krucumito. Interne estas ĝi tiel miriganta kiel ekstere; tie, en la internaĵo staras arta baldakeno sub kiu kuŝas la martiroj interne de arta tombo.

Estas rimarkindaj: la preĝejo *San Pedro*, kun bela ĉefa fasado kaj enprofundigita pordo kies arko estas romanduoncirkla, kaj en ĝia dua entablemento estas belega kaj grandega fenestro ronda kvazaŭ stelo; la monaĥinejo *Santa Teresa*, konstruita sur la loko mem en kiu loĝis la Sanktulino, kun rimarkinda portalo, hodiaŭ ĝi estas Instituto kaj Biblioteko; la antikva jezuita monaĥejo, hodiaŭ paroĥejo *Santo Tomé* kaj episkopejo. En la monaĥinejo *Encarnación* oni konservas ankoraŭ la ĉambreton, kiun okupis *Santa Teresa de Jesús*. El la antikva palaco fortikaĵo nur restas, precipe rimarkinda, pordo kun fortikaĵturoj grandegaj kaj masivaj flanke, kunigataj per ponto, kies arko estas grandioza.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# ĈU RESTAS FELIĈO?

Belan frumatenon dolĉan
en ĉarma ĝardeno
mi trankvile pripensadas
pri la dia beno...

La ĉiel' blua montriĝas
tra la foliaro
kaj freŝa ventet' alvenas
kvazaŭ el la maro.

Inter floroj kaj folioj
kvazaŭ verda reto
saltas birdoj, kaj aliaj
apud rivereto.

Ĉiu la kanton aŭskultas
de sia l'amanto
kaj ĉiu gaje respondas
per la sama kanto.

Dian benon vi ricevis
ho feliĉa mondo!
en la mont', en la kamparo,
en la mara ondo.

Sed ĉu en la Mondo tuta
estas nur trankvilo?
Ve! nun en aliaj landoj
agas la armilo!

Ĉar en aliaj kamparoj,
malbenita sorto!
regas malam' kaj detruo
kaj regas la Morto.

Ĉu nun regas en la Tero
nur fero kaj flamo?
ne, ĉi tie restas vivo
ja, vivo kaj amo!

*Rafael de San Millán*

## Angla lingvo kiel internacia helplingvo!

En tiu artikolo mi tute ne intencas ofendi iun Britan amikon, ĉu li estas samideano aŭ ne. Certe niaj gesamideanoj britaj, ne ofendiĝos pro ĝi, ĉar ili pensas kiel mi pri tiu punkto!

La temo pri nacia lingvo kiel helpa internacia estas unu el tiuj pri kiuj plej atentis nia Majstro, kiam li kreis Esperanton, kaj ĝi estas traktita de plej kompetentaj homoj depost la veno de Esperanto, kaj ankaŭ antaŭe. Ŝajnas do ke oni ne bezonas plu skribi pri tiu problemo, tiel bone solvita per Esperanto, sed la cirkonstancoj devigas min tamen iome reparoli ankaŭ pri ĝi.

Oni ĉiam traktis la temon laŭ speciala vidpunkto: scienca, literatura, aŭ komerca, sed neniam oni atentis pri tio, ke la tutmonda laboristaro estos ankaŭ devigita, pro la vivkondiĉoj, havi rilatojn inter si kaj ke ĝi ne ĉiam bonvolos konfidi siajn misiojn al senditoj ne apartenantaj al propra klaso, sed al tiuj pli favoritaj, al kiuj estas eble lerni la fremdajn lingvojn.

La laboristaro, en ĉiuj landoj, havas nur malmulte da tempo por dediĉi al la lingvalernado, ĉar la plej urĝa por ili afero estas lerni metion, kiu ebligos al ili la vivon. La tempon, kiun ili pasigus lernante fremdan nacian lingvon por rilati kun alilingvana, samprofesiano aŭ sammetiano, ili plej profite pasigos lernante iun pli specialan detalon de sia metio, perfektigante sin en la ekzerco de tiu metio. Tial mi volas reparoli pri tio nune, ĉar estas ja tute laŭmode paroli vorton el ĉiuj plej diversaj lingvoj, konante neniun el ili, eĉ ne sian propran nacian.

Pro la nuna milito nia kara lando, Franclando, ŝanĝiĝis ja en vera Babela turo; Britoj, Flandranoj, Italoj, Rusoj alportis iom el sia nacia lingvo, sed plej multe alportis niaj ekstermaraj najbaroj. Kiu do ne scias nune prononci «Wery well» aŭ «Good bye»? Tial, kelkaj personoj intencas proponi la anglan lingvon kiel internacian, kaj aliaj la dulingvan sistemon, Franc-anglan.

Pro la supre diritaj kaŭzoj, tiu ideo havas neniun ŝanĉon por efektiviĝi, sed ni Esperantistoj devas nepre batali kontraŭ ĝi pro amo al nia franca lingvo, kiu ne povus konservi sian purecon, kaj ankaŭ pro praktikeco, ĉar ĉio kio estas farita aŭ farota en tiu direkto estas perdita energio, kiun ni neniam retrovos. Ni ja bezonos estonte nian tutan energion por la simpla batalo por la vivo kaj la restarigo de ĉio runigita de la tiel longa milito.

Por ke iu nacia lingvo la angla, franca aŭ alia, fariĝu internacia helpa lingvo, mankas al ĝi la plej grava elemento: tio estas la neŭtraleco. La sola neŭtrala lingvo helpa, kiun oni povas, sen ofendo al iu nacia sento, trudi al ĉiuj, estas la helpa lingvo Esperanto, kaj tion jam komprenis multaj altvaloraj personoj en Franclando, Britlando kaj ankaŭ en la Unuigitaj Ŝtatoj.

Tre konata verkisto el Unuigitaj Ŝtatoj diris lastatempe: *Se ni volas konservi amikajn rilatojn kun la aliaj nacioj, ni ne devas trudi al ili la lernon de nia lingvo!* Kaj tiu estas prava. Ni respektu la popolajn sentojn sur kiuj nia Socio estas bazita, se ni ne volas ĝin tute detrui.

*Anstataŭ pasigi kelkajn jarojn por malbone koni iun nacian lingvon krom la via propra, lernu Esperanton, por kies lerno vi bezonos maksimume kelkajn monatojn!*

El «France-Esperanto»

## UTILA LECIONO

Nenion la homo pli facile forgesas en sia vivo ol la uzadon de l'multiplikkalkulo, eĉ se li tre bone ĝin scias kiam lia instruado

finiĝas. Tamen, tio, kion oni instruas al ni en la lernejo, devas esti por taŭgi en la praktika vivado. La saĝeco ne konsistas nur el niaj konoj, sed el la bona uzado kiun oni faras per ili.

Ia homo, ekzemple, ĉiutage elspezas senutile nur 4 spesdekojn; tiu kiu posedas multajn, kredas ke tio ne valoras, sed post unu jaro estas tricent sesdek kvin moneroj da 4 spesoj, kaj post 30 jaroj estas dek mil naŭcent kvindek moneroj, kiuj entute valoras 438 spesmiloj.

Alia homo pasigas ĉiutage 2 horojn ne laborante kaj kredas ke pro tio neniu rajtas nomi lin mallaboremulo. En la fino de unu jaro estas sepcent tridek horoj kaj en la fino de 30 jaroj estas dudekunu mil naŭcent, tio estas, du jaroj kaj duono tute perditaj. Oni devas konfesi, ke tio valoras eĉ pli ol la 438 spesmiloj.

La rondo de la Tero havas 40.025 kilometrojn. Estas ja tre longa vojo, sed se estus ebla ĝin trairi rekte kaj se iu difinu ĉiutage unu horon por tio kaj supozante ke en unu horo li marŝus 5 kilometrojn, post 22 jaroj li estus denove hejme.

Per tio oni rimarkas kiom povas gajni homo kiu utiligas ĉiutage unu horon en bona afero kaj kiom li povas gajni se li profitas ĉiujn tagojn por pli perfektiĝi kaj pliboniĝi kaj klopodi por sia familia kaj por sia propra bonesto.

El la portugala lingvo Esperantigis,

*B. Martins d'Almeida (Bemaldo)*

---

# Historio pri la ombrelo

Ĥina legendo priskribas, ke la ombrelo estis elpensata de la edzino de ĉarpentisto.

La ĥinidino tagon alparolis al sia edzo:

«Vi konstruas belajn domojn, kiujn oni ne povas transporti de loko al loko, sed mi elpensis kaj fabrikis tegmenteton, kiun oni povas porti tre malproksimen sur la pintoj de la fingroj.»

La ĉarpentisto multe miris kiam vidis sian edzinon malfermantan la unuan sunombrelon.

Ne estas facile konstati ke oni elpensis la ombrelon en Ĥinujo, sed oni povas konstati ke ĝia deveno estas tre antikva.

En la subreliefoj de *Ninive'* kiujn skulptis dumil jarojn antaŭ Jesuo-Kristo, en la muroj el brikoj emajlitaj de *Suez*, kaj en la tombaj pentraĵoj, ankoraŭ plej antikvaj, el *Tebas* kaj *Memfis*, la ombrelo staras super la krono de la reĝo, la kapo de la satrapo kaj tiu de la faraono.

En tiuj landoj nur la reĝo aŭ la povuloj povis uzi la ombrelon.

En la klasika Grekujo ankaŭ oni uzis la ombrelon.

*Aristofanes*, per siaj komedioj, montras al ni *Prometeo'n* ekkriantan al lia sklavino kiam li volas elkuri el la rigardo de *Jupitero:*

«Prenu tuj la ombrelon kaj kaŝu min por ke la Dioj ne vidu min». Kaj la sama aŭtoro, parolante pri persono terurigita, diras: «Ĝiaj oreloj malfermiĝis kvazaŭ sunombrelo». Tio ĉi pruvas, ke la grekaj ombreloj estis artikigitaj kiel nunaj. Dum multaj grekaj festoj, junulinoj portis ombrelojn.

Oni okazigis ankaŭ feston de la ombreloj je la honoro de *Dionisios*, kaj la bildo de la dio estis portata de belega virgulino.

Tiu, iom religia, karaktero de la ombrelo, estis kaŭzo por ne uzi ĝin en Eŭropo je la apero de la kristanismo, kaj nur ĝi reaperis je la XVI.ª jarcento.

Unue oni faris ĝin tre delikataj kaj el ŝtofo kiel tiu de la vestoj de tiu epoko; verdaj kaj orbroditaj, karnkolora kun fandenpendantaj ornamaĵoj ruĝaj, bluaj, arĝentbroditaj, k. c. Hodiaŭ, la fantazio fabrikis ĝin eĉ el veluro.

Je 1850, estis modo uzi malgrandetajn ombrelojn kiuj apenaŭ povis eviti la sunradiojn al la vizaĝo.

Nun jam la ombrelo estas tute demokrata kaj ĝia uzado estas ĝenerala.

**Fakiro**

# La floro de l'CHAMPACA[1]

Auskultu patrino: Se—nur por ludi, ĉu ne?—mi fariĝus floro de l'*champaca* kaj mi starus sur la branĉeto plej alta de tiu arbo, kaj la vento lulus min, kaj mi estus ridanta kaj dancanta super la novaj folioj... ĉu ci scius ke ĝi estus mi? Ci vokus min kaj mi restadus tre senmova. Mi malfermus tre malrapide mian korolon, kaj mi vidus cin laborantan.

Kiam post la bano, kun la malsekigata hararo etendita sur la ŝultroj, ci trairus tra la freŝa ombro de l' *champaca* al la korteto kie ci preĝas, ci flarus la odoron de la floro, patrino!, sed ci ne scius, ke tiu odoro estus mia.

Post la tagmanĝo, kiam ci, sidanta ĉe la fenestro, leganta la *Ramayana'n*, kaj la ombro de la arbo falus sur cian hararon kaj jupon, mi projekcius mian ombreton sur la folion de cia libro, sur la vortojn mem kiujn vi legus. Sed, ĉu ci divenus que tiu ombreto estas tiu de cia fileto?

Kiam je la vesperiĝo, tenanta lampon, ci irus al la bovinejo, mi falus de nove planken kaj mi estus ree cia fileto, kaj mi petus al ci rakonton.

—Kie ci estis, friponeto?

—Mi ne sciigas tion al ci.

Ni dirus unu la alian.

LA ORIGINO

—De kie mi venis kiam ci min trovis?—demandis infano al sia patrino. Ĉi tiu, ploranta kaj ridetanta samtempe, respondis premante lin sur la koron:—ci estis kaŝata ĉe mia koro, kiel deziregо, karulo mia; ci estis la pupoj kiuj ĝojigis min dum mia infaneco; kaj kiam ĉiumatene mi faris la bildon de mia Dio el koto, mi cin faris kaj cin malfaris; ci estis ĉe l'altaro, kun la Dio de nia hejmo, kaj, kiam mi adoris Lin, ankaŭ mi cin adoris; ĉiuj miaj esperoj kaj miaj amoj ci estis; ci vivis ĉe mi mem kaj ĉe mia patrino mem. Oni kreis cin, jarcento post jarcento, ĉe la senmorta spirito kiu regas mian hejmon. Kiam mia koro estis juna kaj, kvazaŭ floro, malfermiĝis sian korolon, ci estis kvazaŭ ĝia odoro; cia delikata mildeco floris poste ĉe mia korpo juna kiel, antaŭ aperi la suno, la lumo floras Oriente. Unua amo de la ĉielo, frato de la tagiĝlumo, ci fluis al la mondo tra la rivero de la vivo, kaj fine ci haltis sur mia koro...

Kia mistera timo malkuraĝigas min, kiam mi cin rigardas, cin, devenanta de ĉio kaj fine mia, kaj kia teruro perdi cin!

Tiel, bone premita sur mia brusto! Ve! Kia magia povo ligis miajn malfortajn brakojn al la trezoro de la mondo?

El la libro «La nova luno» de Rabindranath Tagore.

(1) Legu *ĉampaka*, arbo de la orienta Hindujo, foliabunda, de la familio magnoliacoj. Ĝi estas sankta, dediĉita al *Vishnú*. La virinoj de Hindujo ornamas siajn hararojn per ĝiaj bonodorantaj floroj oranĝruĝaj.

---

# LA FOSILOJ

Antaŭ multaj jaroj in franca reĝo venigis tri laboristojn kaj diris al ili:

—Gravan premion mi donos al tiu, kiu fosos plej longan sulkon!

La du unuaj laboristoj komencis disputadi pri la meritoj de siaj fosiloj:

—Bona fosilo devas esti longa, —diris unu.

—Ĝi devas esti larĝa, —diris la alia.

Dum ili disputadis, la tria per plimalpli bona fosilo fosis sian sulkon kaj gajnis la premion.

Esperantistoj, karaj kunlaborantoj, ni ne perdu nian tempon, babilante kaj diskutante:

Nia fosilo estas bona. *Ni fosu nian sulkon!*

Vivu nia Zamenhofa Esperanto!

*Th. Çart*



INTERNAĴO DE LA KATEDRALO



TOMBO DE LA MARTIROJ (SAN VICENTE)

# Esperanta movado

*Madrido.*—Centra Esperantista grupo ĵus translokiĝis al la strato San Lorenzo, 15, ĉe la grava instruanta Institucio «Fomento de las Artes», en kiu nun klarigas someran kurson S-ro Mangada, kaj de Oktobro proksima diversajn kursojn por ambaŭ seksoj. La grava Institucio akceptis la Grupon kaj Zamenhofan Federacion gasteme kaj entuziasme kaj baldaŭ oni fondos ĉe ĝi novan grupon.

—

*Barcelono.*—La 1-an de Aŭgusto, S-ro Trinidad Soriano, entuziasma pioniro de nia kara idealo, Zamenhofano kaj Prezidanto de Andaluzia Federacio, vizitis la Grupon «Paco kaj Amo». La grupanoj havis grandan honoron kaj plezuron saluti S-ron Soriano kaj aŭskulti lin amike.

Organizita de kelkaj fervoraj geanoj de ĉi tiu Grupo, la 5-an de Aŭgusto okazis longa, gajiga kaj tuttaga ekskurso, kies ĉefa okazintaĵo estis festeno meze de la monto, sub la pinfoliaro.

La elektita ekskursejo estis la pentrinda monto «Coureria», ĉe la Barcelonaj ĉirkaŭaĵoj. La festeno, servita de la Hotelo «Vista Alegre», staranta sur la monto mem, estis abunda kaj bone servita.

Superflue estas esprimi la grandan plezuron de ĉiuj gepartoprenantoj, pli efike ol la vortoj, montros al vi la jena fotografaĵo la plenĝojan kontenton kaj sukceson de ĉi tiu ekskurso, grava solenigo de la 30-a datreveno de nia karega Zamenhofa lingvo! Bela kaj feliĉa festotago!

La Grupo «Nova Sento» elektis novan komitaton en la lasta ĝenerala kunveno kiu okazis la 10-an de Aŭsto. La novaj komitatanoj estas: Prezidanto, S-ro J. Canales; Vicprezidanto, S-ro J. Compte; Sekretario, S-ro M. Gil; Vicsekretario, S-ro F. Fuster; Kasisto, S-ro S. Vives; Kalkulisto, S-ro J. Viñas; Monkolektanto, S-ro E. Gili.

# Eksterlanda movado

## RUSLANDO

*Moskvo.*—Moskva Societo Esperantista, decidinte pligrandigi sian eldonan agadon, aranĝis specialan eldonan fondon. La monofera listo por ĉi tiu fondo jam donis 250 sm. Unuavice estos eldonita gvidlibro tra Moskvo. Redakti la gvidlibron la societo komisiis al D-ro K. I. Ŝidiovskij kaj S. V. Obruĉev.

—La 11-an de Februaro la societo lotumis la donacitajn de D-ro N. V. Korzlinskij diversajn librojn. La loterio donis 300 spesmilojn.

—La 19-an de Februaro la societo ricevis 200 spesmilan monoferon de s-ro, dezirinta resti nekonata. La societo ankaŭ donace ricevis kelke da libroj de D-ro V. V. Tihomirov je memoro de lia mortinta edzino-esperantistino.

—La 15-an (28 n. s.) de aprilo Moskva Librejo «Esperanto» disdonis pere de S-ro Prager dum kunsido de Moskva laborista deputitaro, okaze de vizito de francaj kaj anglaj socialistaj delegitoj, 500 lernolibrojn de Esperanto kun propagandaj folioj. Ĉar la eksterlandanoj parolis france kaj angle kaj sen tradukisto preskaŭ neniu ilin komprenis, la esperanta propagando havis grandan efikon, tiom pli, ke ĉe la nuna politika konjunkturo la laborista deputitaro en Ruslando ludas rolon de unu el regantaj institucioj.

—La 16-an de Aprilo la saman propagandon faris Moskva Societo Esperantista dum kunsido de soldataj deputitoj, disdoninte 200 lernolibrojn kaj propagandan foliojn.

—La 18-an de Aprilo (la 1-an de Majo novstile) laborista grupo de moskvaj esperantistoj laŭ iniciato de kamaradoj Malafeev kaj Ŝeenko partoprenis la solenan manifestacion, per kiu ruslanda libera laboristaro festis la unuan de majo.

Sur la ruĝa standardo estis pentrita blanka kvadrato kun verda kvinpinta stelo kaj skribita la devizo: «proletarioj de ĉiuj landoj

unuiĝu! La internacia lingvo Esperanto plifortikigos nian unuiĝon en la internacionalo!» Dum la procesio estis disdonitaj al la popolo esperantaj propagandaj folioj kaj lernolibroj.

—La 22-an de Aprilo Moskva Societo Esp-ta dissendis 3.000 alvokojn al ruslandaj instruistoj pri studo kaj instruo de Esperanto en lernejoj.

—En Ĉefa Poŝtoficejo de Moskvo unu el fakoj de ĉefa paviljono nun administras nia samideano Ĥoĥlov, kiu kun plezuro donas en Esperanto diversajn informojn al ĉiu eksterlanda samideano.

—Laŭ proponoj de multaj societoj kaj grupoj esperantistaj preparas regularon de Tutruslanda Federacio Esperantista, kiu unuigos laboron de niaj disaj grupoj. Aranĝon de Tutruslanda Kongreso Esperantisto dum la milito la societo ne trovis ebla.



ABSIDO DE LA KATEDRALO

*Petrograda.*—La 21-an de Jan. en granda petrograda gazeto «Novoje Vrjemja», la presorgano de reakcia burokrataro, publicisto Menŝĉikov kvazaŭ antaŭsentita la baldaŭan morton de la malnova cara reĝimo presigis longan artikolon, kie li invitis ĉiujn lerni «la belan, mildan, melodian esperantan lingvon eble la plej perfektan el ĉiuj homaj lingvoj». Post tio en la gazeto aperis granda 100-linia anonco pri Esperanto de Moskva Librejo «Esperanto». La artikolo kaj anonco instigis multajn legantojn de la gazeto pli serioze rilati al Esperanto kaj peti pri sendo de detalaj informoj.

La 18-an de Februaro aperis ankaŭ granda anonco de la librejo en unu el la plej legataj ilustritaj ĵurnaloj «Niva» kaj la 18-an de Marto en kadeta gazeto «Rjeĉ.»

La 18-an de Aprilo (la 1-an de Majo) peterburgaj samideanoj partoprenis la unuamajan laboristan manifestacion. Pri ĝi S-ro Gajdovskij skribas al ni:

Loka esperantista vivo spertis grandan skuon post la revolucio.

Nun ĝia amplekso kaj formoj atingis tian gradon, pri kiu antaŭe oni eĉ ne kuraĝis revi.

Unue, ambaŭ petrogradaj societoj esperantistaj—«Espero» kaj «P-grada S-to Es-sta» decidis kunfandiĝi por pli forte kaj sukcese labori. Plie, formiĝis grupo de socialisioj-esperantistoj, en kies nomo estis eldonita flugfolio por unuamaja propagando kun la titolo: «Demokratio kaj lingvo internacia».

Tiuj flugfolioj estis larĝe disvastigitaj en politikaj organizacioj; inter laboristaj kaj soldataj deputitaroj, en social-demokratia kaj soc.-rev. partioj, en multaj fabrikoj kaj uzinoj ktp.

Multaj folioj estis alfiksitaj al muroj sur la plej grandaj stratoj de la urbo.

En la tago mem de la 1-a de Majo ĉe angulo de Nevski kaj Sadovaja—la plej vigla loko de Petrogrado—estis aranĝita tribuneto kaj tablo kun vendotaĵoj.

De la mateno frua ĝis la 9-a h. vespere senlacaj samideanoj parolis de tiu tribuno pri rolo de Esperanto por rusa demokratio kaj internacionalo.

Sukceso estis plena, brila, neatendita. Oni disvendis preskaŭ tutan provizon de lernolibroj kaj vortaroj, troviĝintan en niaj deponejoj.

Super la tribuno sur la muro estis alfiksita bela standardo de esp.-socialista grupo: ruĝe-verda kun nia stelo en blanka kvadrato (la koloroj dividite laŭ diagonalo) kaj kun surskribo en la rusa lingvo: «Vivu Esperanto, komuna lingvo de Internacionalo».

Plejmulte parolis S-roj: Civinski, Ĥohlov, Hindin, Hajdovski, Goldberg k. a.

S-ino Kalinina la saman tagon parolis dum mitingo en cirko Ĉinizelli kaj donacis lernolibrojn al Ministro-socialisto S-ro Kerenski, S-ro Zinovjev, Livŝic k. a. membroj de Konsilantaro de Lab. kaj Sold. Deputatoj.

Sekvintajn kunventagojn en niajn societejojn venis multaj interesiĝintaj, kaj la dimanĉon de la 23-an oni malfermis kurson por komencantoj.

Oni aranĝas ĉiutagan deĵoradon en estonta klubejo de esp.-stoj: —Nadeĵdinskaja, 10.—

Dume, oni fiksis nur tempon inter la 7 kaj 9 vespere kaj de la 10 ĝis 12 matene.

En mezo de Aprilo aperis 1-a numero de hektografita gazeto: «Feĉo».

Nun en proksimaj tagoj oni intencas aperigi jam presatan gazeton.

Adreso de la redakcio: Petrograd, 12 rota, d. 36 kv. 8. Al S-ro Ŝĉavinskij. Abonpago 1 rub. 44 kop.

En aliaj multaj urboj la esperanta movado estas ankaŭ tre grava.

—

### NEDERLANDO

*Amsterdam.*—La 3-an de Julio estis fondata la Amsterdama Propagando-Komitato Esperantista, kun la celo disvastigi Esperanton en Amsterdam kaj ĉirkaŭaĵoj.

Dank' al la nelacigebla fervoro kaj entuziasmo de kelkaj idealistoj, speciale de S-ro H. J. Weg, fine unuiĝis la disaj fortoj, el la kvar Amsterdamaj Societoj, kaj post kunveno kaj diskutado decidis redakti regularon ĉerpante el ĉiu projekto la plej bonan, kaj ekpropagandi tuj kiel eble plej obstine ĉiel.

—

### BRAZILA RESPUBLIKO

*Grava sukceso!*—Brazila Klubo «Esperanto» ĵus atingis gravan sukceson. Ĝia prezidanto, generalo Manoel Portilho Bentes, elektis en la monato Marto komitaton, konsistantan el S-roj Medeiros e Albuquerque, Everardo Backheuser kaj Alberto Couto Fernandes, por paroli al D-ro Manoel Cicero Peregrino da Silva, ĵus elktita direktoro de l'Publika Instruado, pri la stariĝo de kursoj de Esperanto en la publikaj lernejoj de Rio de Janeriro. D-ro Manoel Cicero, tre konata pro siaj progresemaj ideoj, akceptis tre ĝen-

tile la komitaton kaj permesis la malfermon de kursoj de l'internacia lingvo en la Normala Lernejo kaj en la duagradaj kaj metiaj lernejoj.

Li opiniis tre utila por la sukceso de l'afero, ke S-ro Medeiros e Albuquerque, tre klera jurnalisto, deputito kaj eksdirektoro de l'Publika Instruado, faru varbigan paroladon en la Normala Lernejo.

S-ro Medeiros e Albuquerque akceptinte plezure tiun taskon ĝin efektivigis la 31-an de Marto, kun la ĉeesto de D-ro Ignacio Amaral, klera direktoro de la Normala Lernejo, inspektoroj, profesorinoj kaj multego da lernantinoj. La oratoro estis varme aplaŭdita pro sia bela kaj konvinka parolado. D-ro Manoel Cicero, kiu prezidis la kunvenon, diris kelkajn vortojn dezirante la plej



GRUPO «PACO KAJ AMO» (BARCELONA)

grandan sukceson al la kursoj malfermotaj en la lernejoj. Poste parolis D-ro E. Backheuser, en la nomo de Brazila Klubo «Esperanto» kaj S-ro Annibal de Souza, de Brazila Esperantista Klubo. Ĉiuj jurnrloj en Rio de Janeiro priparolis tre simpatie pri tiu tre grava okazintajo por la propagando de Esperanto.

La prezidanto de Brazila Klubo elektis Srojn E. Backheuser kaj A. Couto Fernandes por direkti la organizadon de l'kursoj.

En tiuj kursoj enskribiĝis pli ol 600 gelernantoj. Ĉiuj inspektoroj kaj direktorinoj akceptis tre simpatie la enkondukon de Esperanto en la lernejojn.

D-ro E. Backheuser malfermis la 9-an de Majo kurson por profesorinoj en la lernejo Tiradentes, kies inspektoro, D-ro Elysio de Araujo, sendis cirkuleron pri la kurso al ĉiuj lernejestrinoj de sia distrikto kaj enskribiĝis kiel lernanto. Baldaŭ D-ro Backheuser malfermos alian kurson por profesorinoj en la Virina Supera Lernejo, direktata de l'klera inspektorino F-ino Esther Pedreira de Mello, kiu multe helpis la propagandon de Esperanto antaŭ kelkaj jaroj, kiam funkciis kursoj de tiu lingvo en la Modelaj Lernejoj.

—

## ANGLUJO-ECCLES

*La instruado de Esperanto al infanoj.*—Tre grava eksperimento ĵus okazis en publika unuagrada lernejo, kiu povas havi grandan influon por la disvastiĝado de Esperanto en Britujo kaj aliaj landoj. La eksperimento okazis sub la aŭspicioj de la Edukada Komitato de la urbo Eccles, en la *Green Lane Council School, Patricroft.* Eccles estas urbo de 41.000 enloĝantoj, el kiuj la plimulto estas laboristoj en fabrikejoj de katuno aŭ de maŝinoj. En tiaj lokoj la plimulto de la infanoj forlasas la lernejon je la plej frua permesita aĝo, 14 jaroj, ĉar la gepatroj bezonas la enspezon, kiun la infanoj povas perlabori. Ĝis nun en la plej altaj klasoj, la sola lingvo, kiun oni instruis al la infanoj estas la franca; sed pro la mallonga periodo, dum kiu oni povis instrui ĝin, multe da personoj opiniis, ke laŭ edukata vidpunkto, la tempo dediĉita al tia nekompleta instruado estas perdita, ĉar la lernantoj preskaŭ neniam daŭrigis la studadon kaj tute ne uzis la lingvon.

Antaŭ ne longe eminenta brita edukisto, D-ro Andreo Scougal, Reĝa ĉefinspektoro de lernejoj por Skotlando, atentigis pri Esperanto, kiel grava edukilo, kaj rekomendis, ke ĉe lernejoj, el kiuj la lernantoj devas eliri je la aĝo 14, oni instruu Esperanton, kiel la solan lingvon krom la patra lingvo, ĉar oni povas instrui ĝin entute en unu lernejaperiodo, kaj post tio la lernanto posedas ion, kion li povus utiligi por kiu ajn celo.

Aliaj eminentaj edukistoj en Britujo ankaŭ rekomendis Esperanton, precipe Profesoro J. E. B. Mayor, Kolegio de la Triunuo, Kembriĝo, tre konata latinisto, kiu laŭdis ĝin, kiel helpon al la lernado de aliaj lingvoj, kaj Profesoro Gilbert Murray, de la Universitato de Oksfordo, grekisto, kiu diris: «La situacio de Eŭropo post la milito kvarobligos la bezonon por komuna komunikilo inter la popoloj, kaj mi opinias, ke ne ekzistas pli profitdona metodo por homo bonuzi sian liberan tempon ol per la lernado de Esperanto».

La edukata eksperimento en Eccles bone pravigis la asertojn de tiuj eminentaj edukistoj.

Oni instruis Esperanton al 200 infanoj en la kvar plej altaj klasoj de la lernejo, kaj post nur ses monatoj da instruado, la lernantoj povas legi la lingvon flue, skribi ĝin dikte preskaŭ senerare, skribi leterojn en ĝi kun kompara facileco, paroli kaj respondi al demandoj laŭ bona grado de fiueco.

La infanoj ne uzis lernolibron; la intruistinoj diktis al ili la vortojn lernotajn, la regulojn, kaj anekdotojn, k. t. p., kiujn ili parkere lernis. Kiel legolibron la lernantoj ricevis «Guliver en Liliputlando». Oni kuraĝigis interparoladon inter la lernantoj, kaj post kelkaj lecionoj la infanoj vigle respondis al demandoj, kaj inter si demandis kaj respondis en la klaso.

Post du monatoj la infanoj komencis korespondi kun infanoj en aliaj landoj kaj nun havas korespondantojn en Usono, Aŭstralio, Francujo, Holando, Danujo, Rusujo, Italujo, Hispanujo, Siberio, Persujo, kaj Ĥinujo, kaj havas amikojn en ĉiuj landoj. De siaj korespondantoj ili lernis multon pri landoj, kutimoj, k. t. p.

Instigite de la entuziasmo de la infanoj, la Reĝa Inspektoro de Lernejoj, S-ro Parkinson, lernis Esperanton, por ke li povu pli bone juĝi ĝian edukan efikon. Li raportas, ke li vizitis la lernejon tri semajnojn post la komenco de la eksperimento kaj miris vidante, ke la infanoj povas respondi al demandoj en Esperanto faritaj de sia instruistino, kaj ankaŭ povis traduki anekdoton skribitan sur la nigra tabulo. Post tri monatoj li ree vizitis la lernejon kaj miris pri la rimarkinda progreso, kiun faris la infanoj. Ili povis flue babili inter si kaj kun la instruistino. Ili montris novan viglecon, kiu ne antaŭe ekzistis. Ili jam korespondis kun infanoj en aliaj landoj, kaj tio evidente ŝanĝis ilian vidpunkton pri la vivo. La infanoj deziris scii pri la kondiĉoj de siaj novaj amikoj, kaj tio pligrandigis ilian intereson pri la geografio. Plie, la akiro de lingvo, kies radikvortoj venis tiel ofte el

latina fonto, kaj kies ĝusteco estas rimarkinda, havis precize la saman rezultaton, kiel la lernado de klasikaj lingvoj en altgrada lernejo. La efiko ĉe la lerno de la angla lingvo estis ankaŭ rimarkinda. Zorga elekto de la ĝusta vorto kaj forjeto de aliaj evidentiĝis, ankaŭ pli bona kompreno de la signifo de la vortoj uzataj. Do, ne nur de praktika vidpunkto, sed de la eduka flanko, la Inspektoro diras, ke la eksperimento estas granda sukceso.

La ĉefinstruisto de la lernejo, S-ro Sanderson, tiom interesiĝis pri la eksperimento, ke li ĉeestis dum la lecionoj kaj mem lernis la lingvon. En sia raporto pri la eksperimento li esprimas la opinion, ke estus bone, laŭ pure eduka vidpunkto, ke ĉiu infano en elementa lernejo lernu Esperanton. Li speciale citas la efikon ĉe la mallertaj geknaboj. Por la unua fojo ili videble entuziasmiĝis pri io kaj montris deziron lerni.

La eksperimento vekis multe da intereso inter edukaj rondoj, kaj jam la instruistoj en aliaj publikaj lernejoj petas permeson, enkonduki Esperanton en siajn proprajn lernejojn. La infanoj mem kaptis la internan spiriton de Esperanto kaj jam propagandas la lingvon en siaj hejmoj kaj inter siaj amikoj. Sendube tiu ĉi eksperimento estas la komenco de granda disvastiĝo de Esperanto inter la junuloj en Britujo.

## GAZETOJ RICEVITAJ

«La Ondo de Esperanto» (Rusujo-Moskvo) Januaro, Februaro, Marto, Aprilo, Majo, Raportas speciale pri origino de la rusa revolucio, falo de la cara reĝimo kaj revoluciaj tagoj en Rusujo. La kajeroj de Aprilo-Majo publikigas la portreton de nia kara Majstro kaj malgrandan biografion lian; Proponon de Japana Esperanta Asocio al Vladivostoka Societo Esperantista «Espero» pri Rusa-Japana Kongreso Esperantista, interesan artikolon «La Nova Perspektivo» por Esperanto en Ruslando pro la liberigo, kaj literaturaĵojn.

«Esperanto Monthly». (Angle-Esperante). Anglujo.-Edinburgh. Aŭgusto.

«The British Esperantist» (Angle Esperante) (Anglujo-Londono). Publikigas interesan artikolon «Internacia propagando pri Esperanto kiel internacia lingvo komerca». Jam en antaŭa numero de ĉi tiu gazeto ni aludis la starigon de Komitato en Londono, kies celo estas propagandadi Esperanton en la Komercistaro. Tiu ĉi Komitato (Common Commercial Language Committee) agadas tute ekster la kampo de la Brita Esperantista Asocio, kaj laboras nur por la internacia alpreno de Esperanto kiel komuna komerca Lingvo».

«Argentina Esperantisto» - (Hispane-Esperante) (Argentina Respublico - Buenos Aires). Junio.

«La Esperantisto» (Hispane - Esperante) (Argentina - Respubliko. La Plata). Julio kaj Aŭgusto.

«Le Monde Esperantiste» (France - Esperante) (Francujo). Aŭgusto.

«Esperanto». Oficiala Organo de U. E. A. Aŭgusto. «La Socio post la Milito», «En Jeruzalemo», «Albanujo kaj ĝia loĝantaro» kaj «Pri mono», estas tre interesaj artikoloj el ĝia teksto, ankaŭ publikigas kelkajn versaĵojn de nia kara Majstro, kronikon, kaj aliajn diversaĵojn.

«La Holanda Pioniro» (Nederlando). Aŭgusto.

«Japana Esperantisto». Oficiala organo de Japana Esperanto Asocio. (Esperante-Japane) (Tokio). Julio.

## MONDONACANTOJ

**por starigi internacian monumenton al nia Majstro**

| | Pesetojn. |
|---|---|
| *Antaŭa sumo* ........ | 35,00 |
| S-ro. Trinidad Soriano. Zamenhofano kaj Prezidanto de Andaluzia Federacio. - Sevilla .................... | 25,00 |
| S-ro. Rafaelo de San Millán. Prezidanto de Zamenhofa Federacio ..... | 25,00 |
| *Sumo* ......... | 85,00 |

*(Daŭrigota)*

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid